VIª jaro. Nº 89 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 5 Novembro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)
Kun franclingva aldono . . . . . . 2 $ (5 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**La Delegitoj de U. E. A. ricevis ĉiujn bezonatojn dokumentojn kaj instrukciojn por sia agado dum 1911. Oni tuj repagu sian kotizajon!**

**Oni de nun vigle laboradas por la antaŭpreparoj de la 7-a Kongreso de Esperanto kaj de la 2-a Kongreso de U. E. A. en Antverpeno.**

## PRI LA VIVO DE NIA LINGVO

**Parolado ĉe la 1ª Kongreso de U. E. A. en Augsburg**

Tute aparte staras la historio de Esperantismo ekster la ĝenerala historio de mondlingvo tia, kian ĝin komprenas kelkaj scienculoj.

De post 1887 tiu *ĝenerala historio de mondlingvo* multege dependis de Esperantismo, sed Esperantismo tute ne dependis de ĝi. Eĉ pri la ekzisto de Volapük Dro Zamenhof nesciis, kiam li aperigis Esperanton. Ne el la historio de l'antaŭaj sistemoj li ĉerpis la principojn kaj la spiriton de nia lingvo, sed el sia propra penso, kiu, same kiel la penso de ceteraj geniuloj, klare resumis en si *la senton kaj la nekonscian sperton de l'homoj*. Poste multaj imitis lian lingvon, kaj nun ankoraŭ nenio estas pli facila ol fariĝi eltrovinto de « nova sistemo » per iometa aliformigo kaj aranĝetado de Esperanto.

Belaj vortoj kaj reguloj pri la « veraj principoj de internacia lingvo » k. t. p. ĉio simila nun venas post la apero de Esperanto. Publikiĝis teorioj pri internacia lingvo kun ŝajne ĉiam eterne ekzistintaj principoj, kiuj vere nur devenas de nia lingvo kaj de ĝia propra kreskado. Ĉiuokaze tre bone estas, ke Esperanto tiel efike instruis la scienculojn; sed ankaŭ estas tre utile rimarki kiom multe ricevis el Esperanto la teoria historio de mondlingvo, dum el tiu historio nenion ricevis nia lingvo mem.

El tiu ĉi konstato aperas, ke nun ekzistas vere du fakoj pri lingvo internacia : unu fako, ĉe kiu oni studas teorie, diskutas malnovajn sistemojn aŭ proponas novajn. Jam de la tempo de Leibnitz daŭras tiu laboro kaj daŭros kredeble ankoraŭ tre longe, Ĝi ŝajnas aliaĝ studado, sed havas neniun praktikan rezultaton, ĉar malkonas ĝi la vivon kaj ĉiam restadas artefarema, teoria kaj kontraŭnatura.

La dua fako estas : Esperantismo, Ĉe tiu fako nenion diskutas aŭ proponas homoj, sed ili uzas kaj amas jam tute viviĝintan lingvon. Tiel junsanga kaj memspirita estas ĉi tiu lingvo, ke al si ĝi ligas siajn uzantojn per sento tre forta kaj haviĝas al si, per sia strange potenca influo kvazaŭ specialan popolon internacian. Tion ja konfesis eĉ fama germansvisa idisto skribante antaŭ nelonge en iu jurnalo, ke Esperanto fariĝis « la *natura lingvo* de unu speciala sekto » dum Ido restas *proponata* al la mondo kiel « science farita kaj regulota helplingvo».

Ŝajnas ke pri tio ĉi ni plene konsentas : Unuflanke jam « natura » kaj multuzata *lingvo* havanta sian propran vivon, sian poezion kaj sian — kiel al ĉiu lingvo necesan — patrujon en la koroj de popolo da samideanoj. Aliflanke unu aŭ multaj « science regulotaj » lingvaj *sistemoj*, *proponataj* al la mondo, sen vera uzado, sen vivo, sen literaturo, kaj senĉese « laŭdecide » aliformigotaj.

Unuflanke : *fakto* kaj *vivo*, aliflanke: *proponoj* kaj *malnaturo*. Esperantistoj, ni restu en nia fako ; en ambaŭ ni ne povas utile vivi. Al neniu ni ŝuldas ion krom al Zamenhof kaj al la esperantistoj vivintaj antaŭ ni mem. Al scienculoj kaj malkontentuloj de la alia fako ni respekte kaj senbatale salutu kaj sincere danku pro ilia tre interesa laboro kaj ĉefe pro la grandega servo kiun iuj el ili faris al ni, donante tute senpage per la fondo de idistaj societoj, la plej efikan laksilon por purigi nian movadon, je preskaŭ ĉiuj disputuloj kaj nekomprenantoj.

Per nia juna originala literaturo, per nia internacia vivado, nun tiel forte kreskanta dank'al U. E. A., kaj per la ĉie sentata influo de l'interna ideo de Esperantismo, nia lingvo posedas propran vivon kaj patrujon, forprenante nek la vivon nek la patrujon de l'amataj naciaj lingvoj.

En tio kuŝas la propra noblec de Esperantismo, ke ĝi alportis al homaro ion novan kaj belan, tamen sen detruo de io ajn ekzistanta. Por kiom da mondaj progresoj okazis male kaj terure!

Jam ne povas nin kritiki plu poetoj kaj artistoj pro sia malŝato al kontraŭnatureco kaj malpoezio. Similan malŝaton ankaŭ ni sentas kaj tian artistan kritikon ni tutkore aliĝas kontraŭ tiuj, kiuj ĝin meritas. Kun ili neniam oni konfuzu nin!

∴

Vivanta lingvo meritas esti bone lernata. Al homoj, kiuj simple deziras ĝin uzi por tiu aŭ alia praktika celeto, sufiĉas eble skribi aŭ paroli nian lingvon en klara maniero, eĉ ne tute korekta. Sed al homoj, kiuj amas nian lingvon kaj ekkomprenas ĝian internan spiriton, tio ne sufiĉu. Ili devas studi pli profunde, legi niajn bonajn aŭtorojn, atingi la « kernon » de nia lingvo, trovi la sekreton de ĝia ĉarmo kaj stilo. Post tia legado kaj post iom da improvizita ekzercado, ili kutimiĝas baldaŭ ankaŭ pensi rekte en Esperanto kaj konsideri la lingvon en si mem, ne plu tradukante en ĝin la nacilingvan esprimon de sia penso. Bone vivas nia lingvo per si mem ; tial estas preskaŭ ĉiam malutile serĉi trafan esprimon per tradukado. Sendube Esperanto, kiel la ceteraj lingvoj, ricevas influon de siaj najbaroj, ĉefe en sia materiala kaj teĥnika vortaro. Sed la plej forta influo — kaj la plej bona — venas ĉiam de sia propra spirito. Inter niaj aŭtoroj, la plej ŝatataj stilistoj estas ja tiuj, kiuj plej bone ĝin komprenas.

Ni ĉiam riskas erari en kompreno aŭ esprimo, se ni lasas nian nacian lingvon ĉiumomente influi nin. Se ni parolus iun alian artefaritan sistemon, ni [illegible] ĉar en tiaj sistemoj regas la vortaroj. Sed ĝuste pro tio neniu sistemo tia sukcesis, ĉar lingvo ne povas vivi el vortsignoj, kiuj neniam precize egalsenciĝas de unu nacio al alia.

Se ni volas koni la uzadon de iuj vortoj, kiel ekzemple « profesoro » aŭ « studento » ni devas serĉi ĝin *en nia literaturo* mem kaj ne en la uzado de similsona vorto en nia nacia lingvo. France la vorto « professeur » povas ofte simple signifi « instruanto pri iu afero ». Angle la vorto « student » estas uzata por iu ajn persono, kiu studas ion, kaj oni povas ekzemple havi por Esperanto-kurso en Anglujo diversaĝajn « students » 8-jaraĵn ĝis 80-jaraj.

Dume, en kelkaj landoj oni povas esti laŭleĝe punata se oni uzas la titolon « Professor » ne estante rajtigita ŝtata instruanto en universitato ; kaj al germano la vorto « Student » tuj elvokas la bildon de juna viro kun kolora ĉapeto, longan pipon en la buŝo kaj glasegon da biero en la mano.

Kiam esperantisto uzas la vorton « profesoro » aŭ « studento », li ne devas pensi pri « student » aŭ « professor », ĉar tiel li donus al la esperantaj vortoj ofte neĝustan sencon. Li devas scii per la ĝisnuna esperanta uzado de tiuj vortoj, ke profesoro estas supera aŭ specialista instruanto sed ne necese ŝtata oficisto, kaj ke studento estas ofte tre malsama je studanto aŭ lernanto.

Same malbone estas skribi « fari konferencon », ĉar france oni diras « faire une conférence ». Laŭ la uzado, « konferenco » signifas en Esperanto ian kunvenon aŭ interparoladon por atingi decidon aŭ interkonsenton. Uzi la vorton en speciala franca senco estas preskaŭ same malbone kiel diri ekzemple « atendi kunvenon » anstataŭ « ĉeesti kunvenon », ĉar la angla vorto « attend » signifas ĉeesti.

Ne sufiĉas, ke radiko estas iom internacia, por ke ni povu ĝin uzi kun in ajn senco en nia lingvo. La uzado ĝenerale donis al tiaj vortoj sufiĉe vastan sed tamen ankaŭ sufiĉe precizan sencon, kiun oni konu antaŭ ol uzi la vorton. Nia lingvo ne staras bazite nur sur malgranda seka fundamento de reguloj kaj vortoj sed sur la tuta tradicio, de la ĝisnuna vivado, kiu — kvankam nelonga — estas jam plej interesa kaj poeziplena.

Antaŭ ol studadi novajn vortarojn aŭ mem proponi novajn esprimojn, ni unue bone konu tion, kion ni jam havas. Kiam ni plene konas tiun trezoron, nur tiam ni eble rajtas nin interesi pri novajoj, kaj ni plej ofte fine konstatas, ke ili estas ne tre necesaj kaj eĉ kelkafoje malutilaj, se ili malsimpligas nian lingvon.

Kiom da ĉarmo kuŝas en la diafana klareco de nia simpla lingvo kaj en tiuj verkoj de l'unuaj jaroj, kiam ekzistis ankoraŭ nur kelkaj centoj da radikoj ! Eĉ kiam ni ne havis jam la [illegible] el niaj amataj aŭtoroj, ĝui poezian priskribon pri hejmenreveno de l'« herbotranĉistoj » el taga laboro. Forte impresas la leganton la bildo de tiuj viroj kantante marŝantaj hejmen inter la orbrilaj kampoj, kiujn glora subiranta suno jam flamruĝe lumigas. Ofte ŝajnis al mi ke la ĉarma naiveco de tia vorto kiel « herbotranĉisto » donis al tia prozajo pli da plaĉo poezia ol povis doni al iu ĝisnuna verkajo la peza plenigado de l'teksto per novaj sciencaj radikoj aŭ sufiksoj.

Sciencistoj havas plenan liberecon por ĉiam pligrandigi kaj precizigi sian specialan terminaron en nia lingvo.

Sed ni ne konfuzu la sciencan lingvon kun la komuna. Per nia komuna ĉintaga literaturo la lingvo vivas multe pli ol per sciencaj verkajoj. En tiu ĉi komuna lingvo regas la propra spirito de Esperanto kaj ĝia ĉarmo. La harmonia flueco de l'esperanta stilo ne ŝatas artefaritajn enmetajojn. Sen ili, ĝi tiel bele nun floras, ke la libera evolucio de nia lingvo kondukos nin al ĉiam pli forta ŝato je simpleco kaj pli rapida forgesado de la malsimplaj kaj malnaturaj verkajoj.

La vivantecon kaj belecon de Esperanto nenio pli bone montras ol la influo de korsentoj en ĝia evolucio. Tiun ĉi vivantan fundamenton de la lingvo, ĝian tradicion kaj spiriton, la esperantistoj devas ĉiam pli bone koni. Ĝin konigi, pri ĝi studigi kaj instrui, jen estas la tasko, kiun celis entrepreni la fondintoj de la Internacia Instituto de Esperanto kreante tiun novan organizajon en Esperantujo. Same kiel U. E. A., la Instituto laboras por la realigo de l'interna ideo de esperantismo kaj ankaŭ same ĝi agas per praktikaj rimedoj. Tiun altan idealon U. E. A. celadas faciligante la uzadon kaj tujan utiligon de nia lingvo ; la saman altan idealon celadas la Instituto favorante profundan studadon de nia lingva tradicio. Unu la alian helpas sin ambaŭ laboradoj por uzigi kaj amigi nian lingvon ; ĉar ju pli eniĝos en la homan vivon kaj en la homan koron la uzado kaj la amo je Esperanto, des pli facile ĉirkaŭradiados la bonfaranta influo, kiun nepre enhavas en si nia kara lingvo.

La esperantistoj ne ĉesu propagandi per siaj naciaj societoj. Tiu laborado preparas la vojon al ŝtata akcepto kaj lerneja instruado de Esperanto. Multiĝu nacilingvaj paroladoj, kursoj, ekzamenoj k. t. p. por ke baldaŭ la ŝtatoj mem ĉion ĉi faru kaj danke povu mem instrui nian lingvon flanke de la nacia, laŭ la vojo por ili preparita de niaj tiam malaperintaj propagandaj societoj. Sed la esperantistoj samtempe ankaŭ efike agadu per U. E. A., Instituto kaj similaj *internaj* laborcentroj por vere realigi Esperantujon. Ili memoru ke pri esperanton uzanta mondo la homoj nur povas kredi, se ili jam povas vidi esperanton uzantan mondeton.

Vane predikus apostoloj pri ia revata Regno de Homoj, se tian regnon ne ekkonstruus jam kelkaj homoj sur tiu ĉi tero.

Nun ne kontentiĝas la mondo per proponoj ; *faktojn* ĝi volas. Ni do daŭrigu konstruadi kaj ĉiam pli vastigi nian esperantan-mondeton kvazaŭ idealan kaj vivantan modelon por la estonta tutmondo. Ni ĝin kreskigu bela kaj simpla, radianta je libereco labora, ĉarmeco paciĝa kaj juneco poezia.

En tiu ĉi mondeto nia, jam havigis Esperanto feliĉon aŭ utilon al homoj ĉiuspecaj. En ĉiu lando sur la tero, jam troviĝas iu mizera homo, iu multzorga laboranto, iu malfeliĉa blindulo aŭ eĉ iu potenca profesiulo, kiu ricevis en Esperantujo helpon, rimedon, ĝojon, idealon. Kion ni havas, tion ni kreskigu por aliaj, kaj hodiaŭ kun nia amata inspirinto Zamenhof, ni konfesu nian ĝojon vidante, ke ĉiutage pligrandiĝas kaj floras tiu ĉi nia mondeto, ĝis kiam, post tre longa tempo, ĝi mem fariĝos la plena tutmondo.

Edmond PRIVAT.

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

**La Manioko**

La manioko estas duonarbetaĵo, apartenanta al la familio de l'Eŭforbiaceoj kaj vegetanta en tropiklandoj. Oni kulturigas ĝin en tuta Brazilujo, kie ĝi donas bonan rezultaton, precipe sur tero ne malseka kaj silikargila. La plantado okazas de septembro,-decembro per plantetoj detranĉitaj de unujaraj trunketoj burĝonantaj, kaj la maturiĝado daŭras laŭ la peco 12-18 monatojn.

Ekzistas du ĉefaj maniokspecoj, malsovaĝa kaj sovaĝa havantaj multajn subspecojn, kies radikoj servas al la nutrado, sed tiuj de la sovaĝa nur por dombestoj kutimigitaj je ĝi ; kontraŭe tiuj de la malsovaĝa, kuiritaj en salakvo poste frititaj en graso aŭ nur kuiritaj, donas nutran kaj bongustan nutraĵon por la homoj.

La manioko estas daŭra kreskaĵo, havanta 2-4 metrojn de alteco, ĝia radiko longiĝas je 30-80 cm. kaj havas blankan aŭ brunan epidermon, sed blankan internaĵon. La trunketo kavas forkstarajn branĉojn, kies foliaro densiĝas supre. La folioj estas longtrunketaj, enfendaj kaj supre pli verdaj ol malsupre. Ĝi floras berarforme, la ovformaj fruktoj estas longaj unu colon kaj enhavas grizajn semojn.

La manioko prezentas unu el la plej valoraj nutraĵoj de la brazila popolo ; sur neniu manĝotablo mankas maniokfaruno por aldoni al la manĝaĵoj, kaj en multe da regionoj estas ŝarko, t. e. bovaĵo, salita kaj sekigita de la suno, kune kun maniokfaruno la ĉefa manĝaĵo, kaj antaŭ ĉio, la ĉi-tiea nacia manĝaĵo konsistas el intermiksado de ŝarko, faboj kaj maniokfaruno. Nur en la ŝtato Rio Grande de Sul la ĉiujara konsumo de maniokfaruno sumas 30.000.000 kilogr., ne konsiderante tiun senperan de la freŝaj radikoj. Ĉiuj plantistoj, havantaj grandajn plantejojn. posedas apartan konstruaĵon, nomatan atafono, kie ili fabrikas farunon el la freŝaj maniokradikoj dum la monatoj aprilo-aŭgusto. Tuj kiam la radikoj estas eltiritaj, oni veturigas ilin sur duradaj veturilegoj, kiujn fortiras tri bovjungaĵoj, al la atafono, lavas ilin kaj deskrapas per tranĉilo la epidermojn : tiam la blankaj radikoj estas disraspataj de denta cilindro, movata de muelilo, kiun unu aŭ du bovoj kun okulfermiloj turnas. La kaĉon oni elpremegas per ŝraŭbpremilo, sub kiu defluas la suko en konservujon, kie iom da amelo, liberigita de la premego surfundiĝas. La premkuko estas malgran[illegible] ambaŭ movataj de la muelilo. La kribritaĵo estas ŝutata en paton feran aŭ kupran, enmasonita kaj kovrita, sub kiu estas ĉiama fajro. Ligna ŝovelilo, movata de la muelilo, turniĝas sammezure en la pato, por ke la grajnetoj ne kungluiĝu, tamen la rostado devas esti nur malforta, tial la rostisto malpleniĝas baldaŭ la paton, pleniĝas ĝin denove kaj kribras la rostitaĵon. Tiamaniere la laboro estas senĉese daŭrigata. La rostitaĵo kribrita prezentas la maniokfarunon, sed la bulaĵa restaĵo en la kribrilo servas nur por furaĝo.

Bona maniokfaruno estas seka, blanka kaj grajnetaĵa, havas bonegan guston kaj ne difektiĝas en sekaj tenejoj. La komerco diferencigas ordinaran, bonan kaj specialan komercaĵon, kio neniel dependas de la radikoj, sed precipe de la deskrapado, elpremegado kaj rostado.

La amelo estas ree lavata de akvo, sekigita ĝi prezentas araruton kaj superas eĉ la rizamelon por rigidiki tolaĵon. Saguo aŭ tapioko estas fabrikata, ŝutante malsekan amelon en kribrilon, kiun oni movas daŭrige kaj sammezure super malforta hejtado.

Bona maniokfaruno brogita de buljono anstataŭiĝas ne nur saguon, sed ĝi havas ankaŭ pli bonan guston ol lasta. Enmiksita en lakton bolantan, maniokfaruno donas kaĉon, kiun infanetoj volonte manĝas kaj kun tio bone prosperas, kaj enŝutote per iom da sukero, tiu-ĉi manĝaĵo fariĝas frandaĵo, ŝatata de malgranduloj kaj granduloj.

Koncerne la eksporto, Rio Grande de Sul estas per pli ol 50.000.000 kilogr. la ĉefa liveranto por Brazilujo, sed ankaŭ por Uruguajo kaj Argentino. 100 kilog. da speciala maniokfaruno kostas tie ĉi 10 Sm., bona amelo la duoblon, pli malpli, ĉar la prezoj ŝanĝiĝas ofte.

Ĉiuokaze tiuj ĉi produktaĵoj meritas plenan atenton en la eksterlando, ne nur pro sia granda nutravaloro kaj diversa uzebleco, sed ankaŭ pro sia malkareco ; tial mi estas preta poŝte transsendi specimenojn de 300 gramoj al la interesatoj, kiuj sendas al mi 42 Sd. (ĉu internan respondkupon, ĉu ĉekon), sumo de la tiea ĉi transsenda pago, je kio mi ankoraŭ rimarkas, ke la brazila poŝto ne ekspedas specimenon al la eksterlando, pezantan pli ol 350 gramojn.

Thierack (Del. en Saô Leopoldo, Rio Grande de Sul)

### GEOGRAFIO

**Tra la Niagara akvorapido en motorboato.**

Preter la Niagara akvofalo, inter ĝi kaj la urbeto Lewiston estas parto de la rivero eble la plej danĝerplena en la tuta mondo. La akvo, ŝajne trankvila post sia saltego, apenaŭ movas. Sed subite, la rivero plimallarĝiĝas, kaj la akvo amasiĝas, kovriĝas per ŝaŭmo, formas grandajn ondojn kiuj aperas ĉie ; estas ĥaoso de tondranta akvo. Post kelke da spaco estas la Turnakvo, forta, kie ŝtipoj estas tiritaj suben kiel pajleroj. Poste estas alia spaco de kureganta akvo. En multaj lokoj oni povas vidi ŝtonegojn kiel ombrojn tra la verda akvo. La rivero plilarĝiĝas kaj kvietiĝas ĉe Lewiston, malproksima de la akvofalo ĉirkaŭ dek kilometroj.

Tra tiu ĉi terura akvofluo kelkaj homoj estas veturintaj per bareloj speciale konstruitaj, k. t. p. Nur malmultaj el tiuj ĉi finis la vojaĝon vivaj. En 1864 tri viroj faris la unue konatan vojaĝon tra la akvorapido en la ŝipeto « Maid of the Mist », la unua de tiu nomo kiu vojaĝadis sub la akvofalo. Ili havis teruran vojaĝon. La ondoj preskaŭ detruis la ŝipon, sed ili sukcesis. En 1883 kapitano Mateo Webb provis naĝi tra la akvorapido kaj perdis la vivon. Sro. Graham trairis kvin fojojn en barelo, kaj naĝis unufojon sukcese per vivkonserviloj. Aliaj iris per boatoj, bareloj, k. t. p., kelkaj vivis, aliaj mortis. Unu virino supreniris la akvofalon en barelo. Ŝi sola faris ĝin kun ŝukceso. Ŝi nun vendas kuriozaĵojn ĉe la urbo Niagara Falls, apud la akvofalo.

Estis anoncite ke alia persono provos trairi la danĝeran akvon per motorboato, longa nur 5 1/2 metrojn. Tiu ĉi persono estas Dano nomita Klaus Larsen, ĉirkaŭ kvardekjara, kiu unue fariĝis maristo kiam dekdujaraĝa. Li estis vojaĝinta per boatetoj ĉiujn dangerajn lokojn sur la tuta mondo, kaj sekve sciis ĉion pri direktado de boato en danĝera akvo.

Je la difinita horo, tramo rezervita al jurnalistoj — sur kiu estis la skribanto de tiu ĉi rakonto — komencis la veturon, por sekvi la kuraĝulon. Ĝi atendis ĝis la kvara, sed oni diris ke la kanadaj aŭtoritatoj detenas lin. Tial la rezervita tramo reiris al la urbo. Estis nevere ke li estis detenita, lia motoro difektiĝis kaj li ne intencis fari la vojaĝon tiun tagon. Oni riparis la motoron, kaj por ke li ne malkontentigu la milojn da rigardantoj sur ambaŭ flankoj de la rivero li subite decidis iri kaj ensaltinte en la boaton, ĝin direktis al la mezo de la terura akvo. Ĝi estis preskaŭ nevidebla en la malkvietega akvo. Kiam ĝi atingis la «Grandan Ondon» kiun eble rememoras la vizitintoj al la Akvofalo, la boato elsaltis el la akvo ses metrojn. Li frapis tiel laŭte la akvon ke oni povis aŭdi la sonon spite de la bruego de la rivero.

Li eliris el la akvorapido kaj alproksimiĝis al la Turnakvo mem. Li sin direktis apud la usona flanko de la rivero, kaj evitis la Turnakvon. Tiam la motoro rifuzis plu turniĝi, kaj Larsen estis senpova. La boato eniris la alian malkvietan akvon la postajon de la boato antaŭe, kaj renversiĝis. Tamen ĝi ree rektiĝis, kaj daŭrigis la vojaĝon. Kelkfoje ĝi alligiĝis al la riverbordo, sed sin liberiginte ĝi daŭrigis. Apud Lewiston la boato aliris al la bordo kaj Larsen eliris, kaj iris al Lewiston trame, kien li alvenis unu horon post la komenco.

Oni antaŭe diris ke ne estas eble direkti boaton en la akvorapido. Larsen diris ke [illegible] de la boato — eĉ en la plej tumultaj lokoj. Li diris poste, « Ĝi estis pli malbona ol mi antaŭe pensis ; mi kredas ke mia sukceso estas pli pro bonsorto ol io alian. »

Oni oferis premion de Sm. 2,000 por motorboata kurso tra la akvorapido, kaj dudekdu personoj anoncis ke ili provos. Poste ĉiuj escepte Larsen eliĝis kaj oni sekve maloferis la premion. Tamen Larsen anoncis sian intencon fari ĝin sen la premio. Li volas konstrui alian boaton pli bonan kaj post jaro fari la vojaĝon ree.

Russell R. Johnston, (Del. Buffalo)

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Xª Internacia Kongreso de Geografio

Jam eliris la unua cirkulero pri ĉi tiu Kongreso, kiu okazos en Romo la 15-22 oktobro 1911. Ĝi entenas ĝeneralajn informojn, kaj la nomaron de la organiza komitato.

La kotizaĵo estas 10 $. La fakoj de la Kongreso estas jenaj : Matematika Geografio, Fizika G., Biogeografio, Antropogeografio kaj Etnografio, Ekonomia G., Korografio, Historia g. kej historio de la G. Metodologio kaj instruado.

Oficialaj lingvoj estas la itala, franca, angla kaj germana ; en la malferma kaj ferma kunsidoj estas allasita kiu ajn lingvo kondiĉe kej la oratoro prezentu resumon ne pli ol unupaĝan en unu el la oficialaj lingvoj por la protokolo.

Povas esti representataj : la registaroj ; la publikaj oficejoj havantaj geografian karakteron ; la institutoj kaj la societoj havantaj geografian aŭ similan karakteron ; la Universitatoj kaj aliaj superaj institutoj en kiuj oni instruas geografion.

Estas invititaj ĉiuj esploristoj, geografiistoj kaj studemuloj de geografiaj sciencoj.

Estos aranĝitaj kelkaj eskursoj, kies unu arĥeologia al la cirkaŭjoj de Romo kaj unu al la Romaj Kasteloj (Laciaj aŭ Albanaj Montetoj). La edzino kaj gefamilianoj de la Kongresontoj estos kunigitaj membroj kiuj pagas nur 5 $.

A. Tellini (Del. Bologna).

## AERVETURADO

### Aviado kaj mono

Ĉu oni scias kiom da mono estis donita al la aviadistoj, de la momento kiam okazas aviadaj konkursoj? Laŭ lasta statistiko, tiu sumo atingas 1.425.298 $. Ŝatinda sumo, al kiu devas esti aldonataj la apartaj pagoj postulataj de la iom famaj aviadistoj por elmontrado, sendepende de la rekompencoj ĉe la konkursoj.

Laŭ la aviadistoj, jen la plej grandaj sumoj gajnitaj : Paulham kiu faris le voyaĝon Londono-Manĉester, 164.104 $ ; Morane, kiu jus havis gravan akcidenton, 105.960 $ ; Latham, 104.864 $ ; Rougier, 104.600 $ ; Chavez, la superfluginto de Alpoj, 97.854 $ ; White, 70.200 $ ; Leblanc, 65.600 $ ; Farman, 46.780 $. Kvardek-ses aliaj ricevis pli ol 4.000 $, kaj dek pli ol 2.000 Sm. Multaj nenion ricevis, sed... rompis multajn aparatojn. Kelkaj el la supre nomitaj aviadistoj forlasis la flugarton, kaj sin dediĉas, ĉu al konstruado (Farman), ĉu al pilot-edukado (Leblanc). Aliaj forlasis la kampon (Rougier, Paulham). Bleriot, la konstruisto de la nun tiel fama monoplano, ricevis la modestan sumon da 16.800 Sm. ĉe konkursoj.

La publiko, vidante tiajn ciferojn, tendencas kredi, ke tia rapida sinriĉiĝo, valoras kelkajn riskojn. Oni tamen ne forgesu, ke ne parolante pri la multaj mortodanĝeroj, la nerva streĉiĝo, k. t. p. la gajnŝancoj ne estas tiel grandaj kaj ĉiuokaze la elspezoj tre altaj. Kiu aviadisto ne rompis plurajn aparatojn antaŭ ol sukcesi ? Plie oni devas kalkuli la elspezojn por la prizorgo de la maŝino, la mekanikistoj, k. t. p. Ĉion enkalkulante la profitoj estas ne supermezure grandaj. Dum ankoraŭ kelke da tempo oni povos konsili la aviadan metion nur al homoj sufiĉe bone procizataj je privata mono, braveco, pacienco kaj sentimo antaŭ la morto.

V. L.

## MONDLITERATURO

### La morto de granda pola poetino : Marya Konopnicka

Neelparolebla doloro ekfrapis la polan popolon, ĉar mortis ĝia plej granda nuntempa poetino. Ŝia foriro ekskuis la polan socion ĝis profunda koro. Sur la kampoj flugas la malĝoja plendo pri ŝia morto. Jen mortis ŝi, ŝi gloro de pola popolo, ŝi, kiu brilis sur pola parnaso kiel stelo de la unuavica brilego. Si estis kiel liuto, sur kiu la spirito de la popolo ludis la kanton de l'amo kaj espero. Sian brilegan agadon ŝi kronis per la adiaŭa kanto « Van Balcer w Brazylii » (Sinjor' Balcer en Brazilujo), en kiun ŝi enmetis la trezorojn de l'amo, sento, fantazio kaj poeta inspiro. En l'ombro de la polaj tagoj ŝi estis lumo, kiu heligis la vojojn de l'spirito, montris la sunajn tagojn de l'estonteco, portis esperon kaj revivigon.

Mario Konopnicka naskiĝis en j. 1846 en Siemiatki'oj. Frue mortis al ŝi la patrino ; ŝi edukiĝis kun la pli maljuna fratino kaj kun pli junaj gefratoj sub la zorgo de la patro, kiu malgraŭ multaj priokupoj klopodis pri la edukado de la amata filino. Pri tiu periodo, kiam ŝia spirito formiĝis kaj fortiĝis, parolas la aŭtorino mem.

« Mi lernis tiam ami Kriston, kiel l'amikon de la malĝojaj kaj subpremitaj homoj, kiel la potencon de l'idealo, elpelantan ĉiutagecon de la vivo el la spirito de la templo, kiel la bonecon kaj amon senfinan, karesantan la malgrandajn kaj mal- [illegible] Dion Kreinton donis al mi la patro koni el la Davida Psalmaro. La bildoj de l'forto, minaco, justeco kaj tutpotenco enfalis profunde en mian spiriton kaj koron ». Ekkoninte Biblion, psalmaron kaj studojn de Kochanowski, la plej grandan poeton antaŭ Mickiewiz, Stowacki kaj Krasinski, ŝi konigis al si la spiriton de Broctinski kaj Mickiewiz. Belan ekzemplon donis al ŝi la patro mem.

Tia vojo de l'edukado efikis la grandegan viglecon de l'spirito de la virgulineto. La doman edukadon ŝi finis en la edukejo Varsovia de F. F. Sakramentaninoj. Reveninte el la monaĥejo, ŝi edziniĝis kun S-ro Konopnicki kaj kun li ŝi translogiĝis al lia familia vilaĝeto, Bronovo, apud Leczyca. Tie, en Bronovo, ŝi estis mastrino de la sufiĉe granda bieno de la viro, akceptadis gastaron. Do la vivo malnovpola bolis tute en tiu bieno. Sed tie ŝi ne povis alkutimiĝi al la novaj kondiĉoj. Ŝia animo, ensorbita per la pli grandaj pensoj, elŝiriĝis el la katenoj de la ĝenerala prozo de la ĉiutaga vivo kaj forportis ŝin al la reva mondo. Momente ŝi paciĝis pro la patrinaj devoj, sed baldaŭ komencis tiriĝi al la akirado de la sekretoj de l'scienco kaj belo.

Pro la malbonfarto ŝi forveturis en j. 1875 al la kuracloko Szczawnica. La vidaĵo de la montoj unuafoje viditaj, fruktigis ŝian imagon tiel, ke baldaŭ ŝi jetis sur la paperon la unuajn skribaĵojn, kiuj aperadis en « Spilcoj » (Ktosy), la tiama plej legita semajna gazeto pola ; la interesiĝo kaj bontrovo al ŝi konfesitaj, instigis la poetinon al la pluaj provoj.

Ŝia spirito posedis jam la ĝustan preparadon. En siaj diskutoj ŝi alvenis al la kono de la esenco de l'politikaj aferoj kaj kristaliziĝo de siaj komprenoj en la firmajn formulojn. La spirito de la tempo kaj la post 1863 regintaj torentoj politikaj farigis ŝin varma anino de la demokrataj ideoj, al kiuj ŝi ĝis morto restis fidela, kiel neveukebla batalulino de la progreso, helpantino al la malgrandaj kaj elheredigitaj.

Translogiĝinte pro edukado de l'infanoj al Varsovio, ŝi trovis en la nova ĉirkaŭantaro la okazon dediĉi sin al la grava legado, kiu donis al ŝi la fundamentojn de la scienco, kiu rebrilis en ŝiaj poezioj kaj inspiroj. La kritiko ekkonis, ke al la literaturo kreskis talento je neĉiutaga mezuro, kaj kvankam oni riproĉis al ŝi la tendencon en la arto kaj enportadon al ĝia regiono la dezirojn de la socio, oni ne ekkonis la grandajn belaĵojn de la poeta formo. La profunda, sincera kompato por la homa doloro, humiligis eĉ la kontraŭulojn de la demokrataj kaj progresaj deziroj.

Tiamaniere ŝi pasigis 14 jarojn en la malrapida akirado de la literatura famo en Varsovio. Ŝi laboris ĉiam pli per la plumo. Ŝi skribadis krom poezioj novelojn, literaturajn, skizojn, sociajn artikolojn, kaj eĉ en 1885-1886 ŝi redaktis la de Lewental fonditan « Swit », unu el la plej bonaj gazetoj por la virinoj.

La vigla kaj moveca agado de Konopnicka faris ĉiam pli grandan influon de ŝiaj vorto kaj famo kaj tiris sur ŝin la persekutadon de la registaro. Tio estis en la periodo de la plej granda premo de la presita vorto, dum regado de Hurko kaj Junkulio. En 1890 laŭ ordono de la registaro ŝi devis forlasi Varsovion. Sekve ŝi multe vojaĝadis eksterlanden, kio grandege ŝin influis koncerne la poetemecon. Ŝi loĝis vice en Svisujo, kaj Germanujo, Francujo kaj Italujo. Tiu lasta lando plej impresis ŝin. Preter belegaj « Rememoroj el la vojaĝo », skribitaj proze, ŝi verkas vice poeziaron « Imagina », « Italia », « Hellenica » k. a. krom tio ŝi tradukis multe el la fremdaj lingvoj, skribis bildajn librojn kun versetoj por geknaboj, anoncis multajn literaturajn studojn kaj artikolojn. En la majstraj tradukoj poeziaj, irantaj en komparo kun la fremdaj originaloj koncerne belecon de la lingvo, kaj ofte ilin superantaj per la eleganteco de la formo, ŝi propragas al la patra lingvo « Hanusia », de Hauptmann, « Ciranon de Bergerac » de Rostand, « Arion kaj Mesalinon » de Wilbrandt, la versojn kaj prozon de Heine, poeziojn de Ado Negri, k. t. p.

La restado eksterlande daŭris ĝis 1902, t. e. ĝis la jaro jubilea, kiam la pola socio ekdeziris doni honoron al la talento de la 25-jara laboro de la granda poetino. En Krakow kaj Lwow fariĝis komitatoj, kiuj aranĝis aŭtune de la nomita jaro grandajn manifestaciojn je la honoro de Konopnicka, kaj la ĝenerala voĉo aljuĝis al ŝi la unuan lokon sur la pola parnaso. Oni luigis per la mono de la popolo modestan villon kun peco de tero en Zarnowiec en Galicio por la jubileulino. Finiĝis por la poetino la tagoj de la erarado kaj kvankam ŝi devis labori por la ĉiutaga vivo, ŝi havis la tegmenton super la kapo. Tie ĉi ŝi alkondukis al fino la plej grandan verkon de sia vivo, la grandan epopeon elmigradan el la vivo de la pola popolo « Van Balcer w Brazylii », unu el la plej grandaj trezoroj de la pola poezio.

De kelkaj jaroj malfortiĝis la sano de Konopnicka, do ŝia ankaŭ verkado malfortiĝis. Estis videble, ke la malforta kovro korpa ne eltenas la puŝon de la spirito, ke estingiĝas la lampo de tiu neordinara vivo. Ŝi serĉis plibonigon de la farto en diversaj lokoj. La kormalsano enradikiĝis ĉiam pli. Bedaŭrinde, la stato estis senespera. La 8 oktobro de la nuna jaro ŝi en la manoj de du siaj infanoj, kaj sia fidelega amikino Mario Dulembianka, elspiris la animon.

La frukto de ŝia vivo, metita sur la kartoj de la patra literaturo, estas unu el la plej riĉaj, kiujn elmontras la historio de la pola poezio. Ŝia verkaro ampleksas 20 volumojn de poezioj, 10 volumojn de noveloj kaj studoj, literaturaj kaj dekkelke da volumoj de tradukoj poeziaj de la verkoj de Heine, Hauptmann, Rostand, Ado Negri k. t. p. El diversaj studoj, artikoloj kaj malgrandaj versoj necenzureblaj oni povus fari ankaŭ dekkelke da volumoj.

La senkompata fajrotondro disbatis la oran liuton nian, el kiu 40 jarojn fluis la [illegible] la koroj kaj spiritoj de la sekvontaro. La heredantino de la gloro de l'polaj poetoj, ŝi egalrajte kun ili transiras al la senmorteco.

Ni, Esperantistoj, ne unufoje havos okazon koni la verkojn de tiu fama poetino. Do estas necese scii ŝian biografion kaj altcelan agadon. En la lastaj jaroj doloras la pola popolo la perdojn en sia progresema vojo. Jen mortis la genia Wyspianski, mortis Eliza Orzeszko, pri kiu « Esperanto » raportis, mortis Konopnicka, mortis en Varsovio la 9-an de oktobro la fama artisto pentristo pola Francisko Zmurko, unu el la plej talentigitaj reprezentintoj de la pola pentrarto, verkinto de la tuta ciklo de l' bonegaj pentraĵoj, kiuj al li pretigis famon de unu el la plej eminentaj artistoj enlandaj, sed ankaŭ eksterlande.

La samideanoj certe konas « Protesilas kaj Ladamia » de Wyspianski, « Marta » de Orzeszko, « La interrompita kanto » de Orzeszko, « Faraono » de Prus, « Consilium Facultatis » de Fredro, « Ni sekvu lin » de Sienkiewiez, « En fumejo de l'opio » de Wl. Reymont, k. a. La spirito en tiuj verkoj plej bone ilustros la fruktemon de la pola spirito. Kun tempo, vi samideanoj, renkontiĝos kun la tradukoj de la verkoj de Konopnicka en Esperanto. Tiam vi plej bone juĝos la meriton de tiu poetino kaj domaĝon por la pola popolo pro ŝia fariro. La pola popolo des pli havas rajton ĝoji je siaj geniuloj, ke krom la altspiritaj agantoj ĝi eldonis el sia anaro la bonfaranton de l'homaro, la kreinton de nia kara Esperanto.

J. M. (43-8-38).

## IDEOJ & FAKTOJ

### La Respubliko en Portugalujo

Rapide kiel la gravaj novaĵoj, al ĉiuj anguloj de l'mondo flugas nun ĉiuspecaj informoj pri la proklamo de la Respubliko en Portugalujo.

La mondo ne povas esti dum longa tempo sen grandaj kaj notindaj okazantaĵoj. Se tie ĉi silentas kaj restas en paco, tie eksonas la krioj de milito aŭ de terura katastrofo ; kiam en iu loko ĉiuj gaje kaj amike kunvivadas, en alia loko la homo nepre estas en ektimoj kaj danĝeroj.

Tio ĉi ŝajnas leĝoj konstantaj kaj universalaj.

La afero, kiu nun pli interesas kaj allogas la rigardon de la civilizita homaro estas, mi supozas, tiu pri la triumfo de la respublikanoj en tiu malgranda lando kuŝanta en la ekstremo okcidenta de la maljuna Eŭropo.

Tiu ĉi afero estas ja grava ; ĝi meritas ja tiun rigardon. Oni ne forpelas kaj faligas teren sen seriozaj motivoj regformojn, kiuj ekzistas antaŭ pli ol 8 centjaroj.

En tiu ĉi gazeto mi ne povas prezenti miajn personajn opiniojn, ĉar tiam mia artikoleto havus, laŭ multaj, politikan ŝajnon, kiu memkompreneble estas kontraŭ la esenco de la gazeto, sed mi povas konstati faktojn, kaj faktoj havas tie ĉi oportunan lokon.

Tial, sentime mi diras, ke kiu volas koni la devenon de la ŝanĝo farita en Portugallando nur bezonas ekzamemi la manieron kiel la enlandaj aferoj estis administrataj de la monarĥio kaj kiamaniere la progreso de la modernaj idealoj fariĝis ĉe la popolo.

La monarĥio mortis precipe ĉar ĝi en siaj lastaj jaroj tre malbone, tre malboneste administradis la financojn kaj ankaŭ ĉar ĝi estis pli malpli kontraŭa je la akcepto de la leĝoj plej liberaj kaj raciaj

La monarĥio povus vivi ankoraŭ iom pli en Portugalujo se ĝi saĝe konformiĝus al la nunaj ideoj de demokratio, kiuj karakterizas la modernan civilizacion.

Tial la monarĥio vivis nur dank'al sia tradicio kaj al la protekto liverita de la armeo.

La elementoj plej valoraj, kiuj konsistas sendube el la kleruloj, verkistoj, oratoroj, filozofoj, unuvorte el eminentuloj, apartenis ekskluzive al la partio respublikana.

Tio ĉi estas fakto, fakto nedubebla, fakto kiun eĉ la plej saĝaj monarĥianoj mem konstatas.

La Respubliko nun estas farita !

La frumatenon de la 4ª de oktobro la Lisabonanoj vekiĝis je la sonado funebra de la kanonoj kaj la pafado senĉesa de la mortigantaj pafiloj.

La 1ª regimento de artilerio, la 16ª de infanterio kaj la militŝipoj « Sta. Rafaelo » kaj « Adamastor » sin ribelis kontraŭ la registaro. Centoj da urbanoj kunhelpis la soldatojn dum la tuta batalado.

Artilerio, obeante antaŭe difinitan planon, ekokupis la plej bonan strategian lokon ekzistantan en la urbo, loko el kiu ili povis facile batali la partiojn kontraŭajn.

Dum la soldatoj kaj la popolo sin atakis kuraĝe, la ŝipoj ribelintaj ekbombardis la palacon de la reĝo.

Nur 40 horojn daŭris la ribelo, sed 40 horoj de teruro, de timo, de malespero !

Je la 40ª horo ĉiuj kapitulacis. Je la 8ª matene de la 5ª de oktobro la Respubliko estis solene proklamata ĉe la Urbdomo. Ĉiuj oficialaj institucioj elstarigis la flagon verd-ruĝan salutpafatan de la tuta ŝiparo sur la rivero kaj de la kanonoj ĉe la kastelo.

La horo de l'triumfo fine alvenis !

La entuziasmo estas nepriskribebla, ĉar du faktojn oni festis : la glora venko de esperita idealo kaj la fino de kontraŭfrata batalo !

Sed okazo ekstraordinara kaj unika en la tutmonda historio ! Tuj post la venko la ordo ekorganiziĝis.

La revolucio en Lisabono ne estas simila al la revolucioj en aliaj landoj. Ĝi estis farata metode kaj sisteme ŝparante kiel eble plej la vivojn kaj la havaĵojn de kiuj ajn urbanoj. Ĉu militistaro, ĉu popolo batalis obeante la regulojn de modereco. La sango, kiu verŝiĝis, kaj malpurigis la stratojn estas [illegible] oni povis ŝpari. Atakoj individuaj, atakoj kontraŭ la havaĵoj de la aliuloj, atakoj senutilaj kontraŭ la vivo de la kontraŭuloj ne okazis.

Ago bela, mirinda, grandioza !

La militon finitan, la armiloj de la venkintoj sin klinis antaŭ la venkitoj ; la triumfintoj kunfratiĝis kun la triumfitoj !

Ne unu solan agon de malamo, ne unu solan agon de kolero oni praktikis : la solidareco inter la fratoj restariĝis.

Dank'al tiu ĉi spirito de ordo, de disciplino, la urbo, kvin tagojn apenaŭ post la momento terura, jam prezentas la ordinaran aspekton.

Nun la portugala popolo atingis la plenumon de idealo de libereco kaj de egaleco pri kiu ĝi de longe revadis ĉiam kun espero en la koro. Novan epokon de paco, de harmonio ĝi certe ĝuos kaj laborante ĉiam diligente por la bono de sia patrujo kaj de sia familio ĝi montros, ke ankoraŭ estas popolo kies sentoj kaj ecoj moralaj atestas la devenon de homoj tiel gloraj kiel Gama, Cabral, Camoês, kaj multaj aliaj.

Ĝi montros fine ke ĝi ankaŭ posedas la kondiĉojn necesajn por antaŭeniri kun la aliaj nacioj en la vojon de la Progreso kaj de la Scienco !

B. Martins d'Almeida, (Del-Lisabono).

### El la nuntempa historio de Turkujo

Depost Julio 1908, dato de l'triumfo de l'libereco la historio de Turkujo eksterordinare pleniĝis je faktoj prave rigardataj kiel plej gravaj ne nur por nia lando, sed eĉ por la tutmondo.

Ni resumu malmultvorte la notindajn okazintaĵojn dum la lastaj du jaroj. Oni memoras ja ke la konstitucio proklamita antaŭ proksimume du jaroj, kaj akceptita kun krioj de ĝojo de ĉiuj popoloj malsamaj de Turkujo, estis starigita sur nedetruebla fundamento la otomana imperio : libereco kaj egaleco politikaj, elektrajto por ĉiuj Otomanaj regatoj 25 jaraĝaj, elektebleco post la 30ª jaro, militservado por nemahometanoj same kiel por la mahometanoj.

Malmulte da tempo post tiu revolucio, Aŭstrio-Hungarujo aneksis definitive du provincojn otomanajn Bosnion kaj Herzegovinon administratajn cetere de ĝi de post la traktato de Berlino 1878 ; Bulgarujo aneksis Orientan Romelion kaj princo Ferdinando sin proklamiĝis en Tirnovo Tsaron de Bulgarujo, aliformiginte la princlandon en reĝlandon. Kretujo minacis sin apartigi.

Tiuj okazaĵoj sufiĉis por montri ke la nova Turkujo ne nur devis sin dediĉi al interna organizado, sed samtempe zorgi pli multe al antaŭe pri la defendo kaj plifortikigo de l'lando.

Propramove la popolo proklamis kaj organizis ĝeneralan bojkoton kontraŭ ĉiuj komercaĵoj kaj fabrikaĵoj Aŭstriaj : la decidoj de l'bojkota komitato estis ĉie tiel zorge plenumitaj, ke neniu povis dubi pri ekzisto de efektiva sento de solidareco kaj unueco otomana, pri la naskiĝo de l'nova sento : otomanismo neniam rimarkita antaŭ la revolucio de Julio. Jen tipa, originala ekzemplo : oni scias ja ke la nacia otomana kapvesto konsistas el ruĝa kufo (fez) surportanta kvaston (piŝkjul') el kotonaj fadenoj ĝenerale nigraj. Tiu kufo estas fabrikata en Aŭstrio-Hungarujo. Dum la imponantaj kunvenoj kaj ĝojaj festoj organizitaj okaze de l'inaŭguro de l'unua vera parlamento otomana en decembro 1908, fremduloj povis rimarki strangan spektaklon. Malgraŭ la entuziasmo kaj feliĉo kiuj plenigis la koron de ĉiuj Otomanoj, neniu tamen forgesis ke la bojkotado daŭris ankoraŭ kaj memorante ke la ruĝa kufo estas aŭstria bojkotita fabrikaĵo ĉiuj ĝin forjetis, riĉuloj kaj mariĉuloj, kaj anstataŭigis per kapvesto fabrikita en Turkujo aŭ eksterlande, la vidaĵo estis vere pitoreska : anstataŭ la ruĝa kaparo, oni vidis diverskoloran kaparon ; ĉar la novaj kapvestoj ne estis plu ruĝaj, sed ankaŭ alikoloraj, blankaj, nigraj, verdaj. Ve al la nesingardemulo kiu sin montris kaj vestita de la ruga kufo, tiu ĉi estis tuj dispecigita, disŝirita de la amaspopolo kaj la portanto restis senkapvesta meze de l'strato.

Tiu fakto montris otomanismon, iomete atakeman, oni pensos, sed ni opinias ke eble pli valoras defendi sian rajton per bojkoto ol per milito. Efektive dank'al tiu bojkotado, la konflikto kun Aŭstrio estas solvita per monkompensaĵo pagita de tiu ŝtato al Turkujo. Sammaniere, la paco estas restarigita inter Bulgarujo kaj nia lando.

Tiuj aferoj ne estis ankoraŭ plene aranĝitaj, kiam eksplodis en aprilo 1909 la reakcia movado fomentita sekrete de sultano Abdul-Hamido, nekontenta pri la nova regimo kaj la limigo kaj plimalmultigo de liaj rajtoj kaj privilegioj kiujn li ĝuis. La parlamento subite atakita forlasis Konstantinopolon kaj kunsidis en San-Stefano, urbeto kuŝanta je kelka distanco de la ĉefurbo. La interirejoj estis baritaj, la komercaj interrilatoj interrompitaj kaj la vagonaroj uzitaj nur por militaj transportoj. Feliĉe, tiun ĉi fajon, la terurego ne longtempe regis en la lando. Dank'al la sindonemo de la herooj de la revolucio de Julio Enver-bej kaj Niazi-bej, la multenombraj volontuloj varbitaj de ili, la tria korpuso de la armeo fidela al la konstitucio, kiuj eniris perforte rapidege en la ĉefurbon, la reakciuloj estis venkitaj, kaj soldataroj kaptitaj, arestitaj, la kazernoj unu post alia ekokupitaj de la batalantoj por la libereco. Oni sieĝis la faman palacon de l'sultano (la Jildizo = stelo) kiu estas devigita kapitulaci, kaj Abd'ul Hamed' detronigita estis forsendita al Saloniko kie travivas en malbliberejo siajn lastajn tagojn de vivo, la plej sangsoifanta de la nuntempo.

Oni surtronigis sultanon Moĥameton kvina, unua vera imperiestro konstitucia ; la parlamento reeniris la ĉefurbon kaj rekomencis pace kaj sentime labori.

Intertempe, la popolo en ĉiuj urboj el Turkujo organizadis monkolekton por la militŝiparo pri kiu oni ne estis sufiĉe zorginta dum la despotisma regimo. Du kirasŝipoj kaj kvar torpedŝipoj jus estas aĉetitaj dank'al enspezoj rezultantaj el tiu nacia memvola kaj propramova monoferado kiu daŭros kelke da tempo ankoraŭ ĝis akiro de forta militŝiparo kapabla defendi ĉiujn marbordojn de la lando, sed neniam uzota por ataki.

La ribeloj de Albanoj, postulantaj aŭtonomecon kaj rifuzantaj militservon kaj pagadon de impostoj, estas venkitaj ; kaj por malhelpi en la estonteco similajn danĝerajn movadojn direktitajn kontraŭ la ŝtato Otomana, la registaro decidis malfermi lernejojn en Albanujo por instrui la Albanan popolon vivantan en la malklereco, kaj reformi la tiean administracion.

Dum tiu Eŭropa provinco estas kvietigata, jen Azia provinco kiu ribelas : Ĥaŭran, loĝata de la Druzoj, popolo ankoraŭ sovaĝa kaj malklera kiu deziras ankaŭ kvazaŭ memregecon. Otomana militkorpuso jus elŝipiĝis en Caiffa por sin direkti al Ĥaŭran. En alia artikolo, ni parolos pri tiu militiro kaj la ribelantoj kiuj sendube ne malfruiĝos submetiĝi ankaŭ al konstitucio.

Nuntempe, la vera intereso, la grava punkto kiu okupas la spiritojn konsistas el la batalo jen silenta kaj kaŝita, jen brua kaj malkaŝita ekzistanta inter Otomanismo kaj Pan-Helenismo kaj kaŭzanta depost la proklamo de l'nova reĝimo ĉiam malakordojn kaj malkonsentojn.

Parto de la greka popolo, ĝenerale tiu loĝanta ekster Turkujo, en kies mezo kreskis la sento de l'panhelenismo, revas pri la fondiĝo de Granda Grekujo enhavonta krom nuna Grekujo, ĉiujn ceterajn regionojn, teritoriojn loĝatajn nune aŭ loĝitajn en la antikva tempo de Grekoj kaj apartenantajn al Otomana Imperio. Alivorte, ili dezirus fondi Grekan Imperion sur la ruinoj de Otomana Imperio. La Grekaj panhelenistoj, partianoj de tiu ideo, sekvas nuntempe praktikan, provizoran programon : ili klopodas por disvastigi la kulturon, la literaturon grekan en la supreditaj regionoj kaj laboras por aldonigi al Grekujo Kretujon, la insulojn de l'Arĥipelago, Janina'on kaj parton de Makedonujo. Tiu praktika programo estas kvazaŭ parte efektivigita : la Kreta deputitaro proklamis la insulon *Grekuja provinco* kaj ĵuris fidelecon al reĝo Georgo II ; aliparte Kretujanoj partoprenis en la balotoj por la parlamento de Grekujo.

Turkujo protestis apud la kvar ŝtatoj protektantaj la insulon ; oni promesis respektigi la rajtojn otomanajn pri Kretujo. Samtempe okazis grandegaj mitingoj en ĉiuj urboj de Turkujo kaj ĉiuj kunvenoj finiĝis kun krioj : Kretujo aŭ la morto ! Multenombraj volontuloj sin enskribigis kaj milito kontraŭ Grekujo estas postulita. Tiu ekscitiĝo de l'popolo helpis al la plidisvatigo kaj intensigo de la monoferado por militŝiparo kaj plikreskigo de l'sento de nacia solidareco. La registaro grandpene sukcesis kvietigi la ekscitiĝon de l'popolo, promesante ke neniam ĝi akceptos forlasi la insulon al iu fremda ŝtato. Milito aŭ paco dependas nun grandparte de la decido prenota de l'parlamento Atena ĵus kunvokita. Ĉu ĝi akceptos la donacon de Kretujanoj ?

Ĉiokaze, Turkujo deziras konservi la pacon kaj aranĝi ĉion sen milito kaj sin dediĉi al la interna organizado.

En Eŭropa Turkujo, de longtempe okazis malordoj kaj konfuzoj pro preĝejoj apartenantaj komunece al Bulgaroj kaj Grekoj. La registaro, por forigi tiujn disputojn kaj malkonsentojn, decidis dividi la preĝejojn inter ili, tiamaniere ke ambaŭ popoloj estu kontentigitaj : en regionoj kie la elemento bulgara estis pli multenombra, la preĝejo estas donita al Bulgaroj kaj monkompensaĵo konsentita al Grekoj, kaj reciproke.

Plie, la registaro decidis ke ĉiuj instruistoj el lernejoj unuagradaj el Turkujo devas esti nur Otomanoj. Tiu lasta decido estas prenita precipe por forigi el Grekaj enlandaj lernejoj instruistojn el Grekujo kiuj ofte enradikigas en la koron de l'lernantoj la senton de l'panhelenismo kaj ne sufiĉe volvas la senton de l'Otomanismo.

La Greka patriarĥo protestis kontraŭ ambaŭ decidoj kaj, malgraŭ la malpermeso de l'registaro kunvokis en la ĉefurbo reprezentantojn grekajn el ĉiuj urboj el Turkujo dor diskuti pri la decidoj. La polico arestis post unua konsido multajn el la delegitoj kaj ĉesigis la kolektiĝojn.

Por restarigi la sendanĝerecon, la daŭran pacon en Makedonujo, la registaro decidis konfiski la armilojn kiujn la loĝantoj Grekaj kaj Bulgaraj kunportis por sin defendi dum malordoj okazantaj ofte en la malnova reĝimo kaj kiujn ili konservis ankoraŭ ĝis nun. Multaj Bulgaroj instigitaj de kondukantoj de bandoj ribelantaj forlasis Turkujon kaj rifuĝiĝis Bulgarujon, pretekstante ke prenante de ili la armilojn perforte, oni liveris ilin sendefende al atakoj de rabistoj. Bulgarujo sin intermetis, konsento okazis inter ambaŭ ŝtatoj kaj la afero solvita per la reeniro de la rifuĝintoj senarmigitaj en liajn loĝejojn el Turkujo.

Unu grava demando por nia lando konsistas nun el financa afero kiun la despotisma regimo lasis en malbona stato. Oni bezonas monon por ekspluati unu el la plej riĉaj landoj de la mondo, konstrui fervojojn, ŝoseojn, fosi la minejojn, fondi lernejojn, fabrikejojn. Oni sin turnis al francaj kaj anglaj kapitalistojn por pruntepreni 150 milionojn da frankoj. Oni esperas ke la interkonsentiĝo fariĝos baldaŭ.

J. G. (Aïdin).

### Pri Kalendara Reformo

#### Komparo de proponoj

Leginte la rimarkojn de P-ro D-ro W. Koeppen sub tiu rubriko en *Esperanto* mi rememoris proponon de S-ro M. B. Cotsworth, kiun li nomis : « La racia almanako » kaj mi opinias ke tiu propono estas pli simpla ol ia ajn kiun mi legis.

Mi ne komprenas kial S-ro Koeppen opinias ke estas praktike neeble aliigi la nunan aranĝon de l'jaro en 12 monatoj.

S-ro Cotsworth diris ne interrompante la nunan Gregorian longecon de la jaroj, ni dividu la 52 semajnojn en dektri monatojn ; ĉiu konsistos el kvar semajnoj (28 tagoj).

La monato aldonota inter junio kaj julio, estos nomata « Sol ». Per tiuj rimedoj la monatoj — la jarkvaronoj — kaj jarduonoj estus unuformaj kaj simplaj.

Kristnaska tago estu tago ekstra, aldonota inter la 22ª kaj 23ª de decembro, kaj la supertago en la superjaro estu aldonata sammaniere ; ambaŭ estus ekstersemajnaj kaj ekstermonataj.

La unua tago de ĉiu monato estus dimanĉo kaj ĉiuj aliaj datoj estus fiksataj ĉiam simile.

La semajnoj finiĝus per la 7ª, 14ª, 21ª, kaj 28ª tagoj kaj la jarkvaronoj je la samaj ciferoj t. e. la 7ª, 14ª, 21ª kaj 28ª da Aprilo Solo, Septembro kaj Decembro vice. Ĉiu longe 91 tagoj + 4 = 364, kaj Kristnaskatago aldonata sumas 365 tagojn dum la jaro.

H. H. Short.

***

Mis legis en *Esperanto* la artikolon de D-ro Koeppen de Hamburg pri la kalendara reformo.

Tute ne sufiĉa aperas por mi la proponoj de S-ro J. Grosclaude kaj Koeppen. Ambaŭ forgesas tute ke plej grava intereso de la demando estas en la faciligo de la nova kalendaro por la komercistoj kaj industriistoj. Efektive ili bezonas ne nur ke la monatoj akordiĝas kun la jaro, sed ankaŭ, ke la semajnoj akordiĝas kun la monatoj.

La solvo estas ke la semajno konsistu el ses tagoj. Ĉiu monato enhavus principe kvin semajnojn. Oni forigus la tagon « Merkredo ». Ĉe la komenco de monatoj Januaro, Aprilo, Julio, Okobro, estus fiksita 1 supertago. La novjaro estus nova supertago.

En la superjaroj, Paskaj, festoj kiuj okazus la 30-an de Marto, havus unu Supertagon. Tiel la datoj estus ĉiam fiksitaj je la sama tago de la semajno.

J. Camescasse (Paris).

***

Estas evidente, ke oni povas elpensi novajn kalendarojn ankoraŭ pli facile ol lingvojn internaciajn. La vera demando estas trovi sufiĉe regulan kalendaron, kiu alportos kiel eble plej malmulte da ŝanĝoj en niaj kutimoj, ĉar oni povas esti certa ke ju pli da ŝanĝoj ĝi alportos des malpli ĝi estos akceptata, eĉ se ĝi estas ideale simpla. Ekzemple, estas nediskutebla, ke devos resti la septaga semajno, kiu estas jam de longege enradikigita en niaj moroj kaj la divido en dek-du monatoj pro la sama kaŭzo (ĝi per si mem cetere estas ankaŭ tre simpla). Konsiderante tiujn postulojn, ni tial opinias, ke la projektoj de S-roj Grosclaude kaj Koeppen estas la plej praktikaj kaj havas la plej multajn ŝancojn por akceptiĝo. Se oni volas fari pli plenan reformon, tuj stariĝos aliaj demandoj ankoraŭ tre gravaj kaj nun ne solveblaj, speciale tiu pri la ero, kiu nun ne estas akceptabla de la tuta mondo, eĉ de la civilizita mondo, almenaŭ teorie. Ni opinias, ke en la nuna tempo, nenia praktika reformo de l'Kalendaro estas ĝenerale enkondukebla, se ĝi ne estas limigata per la konservado de la jenaj punktoj : semajno de sep tagoj, jaro de dek-du monatoj, kristana ero, (kompreneble kun la suna jaro de 365 tagoj). Kun tiuj limoj la projekto Grosclaude, modifota en detaloj, se oni volas, estas la plej rekomendinda ; ĝi estis akceptita de la internacia kongreso de la komercaj ĉambroj kaj kiel oni scias rekomendita de la kongreso de U. E. A. en Augsburg.

(Red.).

# Homara Dataro

Novembro 1. — 1503. Julio II-a, estas elektita papo.

1757. Naskiĝas en Postsagno (Treviso) skulptisto Antonio Canova (mort. 13-X. 1822).

1820. Naskiĝas en Katanjo komponisto Vincenzo Bellini.

1903. Mortas historiisto Theodoro Mommsen.

2. — 1841. Mortas Aleksandro Burnes el Montrose (Skotlando, n. 1805) esploristo de la centra Azio.

3. — 1854. Mortas Sankta Karlo Borromeo el Arona ĉefepiskopo de Milano kaj kardinalo.

1808. Mortas itala verkisto Melkioro Cesarotti el Padovo (nask. 15-V-1730), tradukinto de la poemo Ossian.

1867. Glora malvenko de Garibaldi ĉe Mentana apud Romo.

4. — 1876. Mortas itala verkisto kaj patrioto Juizo Settembrini.

1881. Mortas en Taggia (Ligurio) romanisto Johano Ruffini.

5. — 1631. Publikigo de la unua numero de la Franca Gazeto.

1771. Mortas Johano Baptisto Morgagni fondinto de la patologio.

6. — 1781. Naskiĝas Alois Senefeld elpensinto de la litografio.

1842. Naskiĝas poeto Felice Cavallotti.

7. — 43 antaŭ Kristo, mortigo de M. Tulio Cicero.

1867. Mortas naturisto Oroncio Gabrielo Costa, el Alessano (Napolo, n. 1878).

9. — 1518. Brevo de papo Leono X kontraŭ la doktrino de Lutero.

1799. Generalo Bonaparte ĉesigas la Direktorion.

10. 1483. Naskiĝas Martino Lutero.

1859. Subskribo de la paca interkonsento inter Aŭstrio kaj Italujo en Zurigo.

1885. Mortas la angla naturisto Wilh. Benjamino Carpenter.

1759. Naskiĝas en Marbach (Wurtemberg) la glora dramaturgo Frederiko Schiller.

11. — 1831. Mortas en ekzilo en Firenzo Generalo Petro Colletta verkinto de la historio de la Napola Regno.

12. — 1266. Mortas Guido Guinicelli el Bologna, patro de la itala poezio.

13. — 565. Mortas imperiestro Justiniano.

1848. Mortas en Parizo komponisto Johaĥino Rossini.

1815. Pafmortigo de Johaĥino Murat.

14. — 1524. Pizzarro forveturas el Panamo por konkeri Peruon.

1716. Mortas germana filozofo Leibnitz.

15. — 1630. Mortas germana astronomiisto Johano Keplero.

1889. Matenfrue en la placo de l'Aklamo en urbo Rio de Janeiro, marŝalo Deodoro da Fonseca proklamas la stariĝon de la respubliko de Unuigitaj Ŝtatoj de Brazilio, kaj la detronigon de imperiestro Dom Pedro II-a d'Alcantara (nask. 2-XII. 1825).

A. Tellini.

# La Faktoj

3 *Oktobro.* Lisbono. — Kontraŭmonarĥia revolucio. La reĝo kaj la reĝa familio estas devigataj forkuri.

Madrido. — Gravaj manifestacioj inter klerikuloj kaj kontraŭklerikuloj.

4. Lisbono. — Estas proklamita la respubliko. Teofilo Braga, estro de la provizora registaro.

5. Boissy-Saint-Léger. — Fratoj Morane falas kun monoplano kaj estas grave vunditaj.

6. Madrido. — Malfermo de la deputataro.

8. Kanado. — Laŭlonge la landlimo kun Usono teruraj bruloj detruas kelkajn urbojn kaj arbaregojn.

9. Issy-les-Moulineaux. — Aviadisto Morisson forveturas en aeroplano por atingi Londonon.

10. Lisbono. — Oni publikigas dekreton kiu forpelas la Jezuitojn de Portugalujo.

Vieno. — Aerveturanto Illner per direktebla aerŝipo gajnas la konkurson de Vieno al Homa.

Ateno. — Greka deputataro elektas kiel prezidanton S-ron Essling.

11. Francujo. — Oni proklamas ĝeneralan strikon de la fervojistoj.

Berlino. — Solenigo de l'unua centjarfesto de la Universitato.

12. Vieno. — Malfermo de la kunsidaro de la Aŭstro-hungaraj delegacioj.

13. Buenos-Ayres. — Saenz Pena eniras en la oficon de Prezidanto de la Arĝentina respubliko.

Barcelono. — Inauguro de l'unua hispana kongreso de libera penso.

14. Berlino. — Mortas germana verkisto Rudolfo Lindau.

14. Parizo. — D-ro Hahn prezentas al la Medicina Kongreso novan kontraŭtuberklozan seron malkovritan de doktoro Velosquet.

15. Ateno. — La reĝo komisias Venizelos starigi novan ministraron.

Nov-Yorko. — Aerveturanto Wellman forveturas per la direktebla aerŝipo « Amerika » por provi la transveturon de l'Atlantika Oceano.

16. Francujo. — Fino de la striko de la fervojistoj.

Guise-la-Motte. — Aerŝipo « Clement-Bayard » forveturas kun sep pasaĝeroj por Londono, kien li alveturas la saman tagon.

A. Tellini.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

### OFICIALA INFORMILO

**Komitato.** — Per sia lasta rondira kajero la komitato de U. E. A. :

1e Principe aprobis la fondon de filio de la Centra Oficejo de U. E. A. en Nord-Ameriko, Sud-Ameriko, Aŭstralio, por faciligi la administradon ;

2e Unuanime akceptis la raporton de S-ro H. Hodler, pri la Dua Esperantia Kongreso kaj la neceso de aparta kongreso de U. E. A. ;

4e Akceptis la regularon pri konsuloj ;

5e Ekzamenis la situacion de U. E. A. en Parizo, sekve de raporto adresita al ĝi ;

6e Elektis S-ron Rousseau kiel estron de komisiono por la aviada pokalo.

La komitato estas nun submetata al la rebalotado de la Delegitoj.

**Administrado.** — La dokumentoj necesaj por la agado dum 1911 estas nun senditaj al ĉiuj Del., kun N-o 10 de la *Oficiala Bulteno.*

⁂ Oni nepre komuniku al ni *antaŭ la 12-a de Novembro* (ekstrema limo) ĉiujn adresŝanĝojn, korektojn por la Oficiala Jarlibro.

**Aŭgsburga Kongreso.** — Dum la kongreso estis farita tre bela fotografaĵo de la kongresanoj kaj de reprezentantoj de 15 nacioj. La bildoj estas haveblaj sur kartono kaj poŝtkartoj. Oni tuj skribu al S-ro W. Beideck, Del. U. E. A., Pferseerstr. 17, Aŭgsbourg. Tiuj kongresanoj, kiuj jam kaj pagis dum la kongreso, sed ne ricevis la bildojn aŭ kartojn, bonvolu sin turni tuj al la supra adreso.

⁂

**Monkolekto por donaco de U. E. A. pokalo al la sukcesinto de la sukcesinto de la 1-a Aviada Internacia Konkurso** (1)

(1-a listo)

| | Sm. |
|---|---|
| Th. Rousseau, Dijon | 2.00 |
| Monkolekto dum la aviadaj festoj en Dijon | 2.00 |
| Anna Grineva Staroĉerkak, | 1.00 |
| Elizaveta Grineva, — | 1.00 |
| Chybezincky, Varsovie, | 5.00 |

(1) Vidu « Esperanto » N-o 86.

| | |
|---|---|
| D-ro Fiŝer, Tiflis, | 2.00 |
| Champe'ay, Marcillolses, | 0.40 |
| Vermaas, Rotterdam, | 5.00 |
| Pothast Haag, | 0.50 |
| F-ino Boon, Haag, | 1.00 |
| Esperantista Grupo, Grenoble, | 2.00 |
| F-ino Hamand, Schaller, | 10.00 |
| V. C. Dibble, Charleson, | 1.50 |
| Monkolekto dum la aviadaj festoj en Dijon, | 2.00 |
| Sumo : | 35.40 |

Ni petas la Del., kiuj arangis monkolekton en sia regiono, ke ili sendu la kolektitajn sumojn.

*Financa movado dum Julio kaj Aŭgusto 1910*

Julio

| Pasivoj : | | Aktivoj : | |
|---|---|---|---|
| Lupago, | 8.40 | Kotizaĵoj | 116.22 |
| Salajroj, | 116.12 | Esp. Entrepr. | 14. » |
| Oficejo, | 89. » | Gvidfolioj, | 33. » |
| Materialo, | 16.18 | Donacoj, | 2.66 |
| Presaĵoj, | 135.72 | Diversaj kontoj, | 27.68 |
| Insignoj, | 128.05 | Venditaĵoj. | 199.41 |
| Fakestroj. | 8.10 | Egaligo de kont. | 13.72 |
| Egaligo de kont. | 20.61 | Diversaĵoj, | 0.60 |
| Diversaĵoj, | 0.80 | | |
| | 524.00 | | 407.29 |
| | | Pasiva saldo, | 116.71 |
| | | | 524. » |

Aŭgusto

| Pasivoj : | | Aktivoj : | |
|---|---|---|---|
| Lupago, | 8.00 | Kotizaĵoj, | 39.28 |
| Salajroj, | 100. » | Esp. Entrepr. | 12. » |
| Oficejo, ekspedoj, k. t. p. | 75.50 | Por presotaĵoj | 43.56 |
| Presaĵoj, | 20. » | Venditaĵoj, | 263.50 |
| Egaligo de kont. | 37.66 | Egaligo de kont. | 2.47 |
| Diversaĵoj, | 3.84 | Diversaĵoj, | 2. » |
| | 245.60 | | 362.81 |
| Aktiva saldo, | 117.21 | | |
| | 362.81 | | |

*La Financa Fakestro,*
Th. Rousseau.

*Donacoj por la Centra kaso de U. E. A.* (de Julio ĝis oktobro) :

| | Sm. |
|---|---|
| Bolingbroke-Mudie, London, | 99.80 |
| J.-A. Goodliffe, Nottingham, | 50. » |
| Beuve, Troyes, | 0.36 |
| Baussells, Barcelona, | 1.00 |
| Arumov, Tiflis, | 1.00 |
| Nicolaŭ, Bukarest, | 0.60 |
| Diversaj donacetoj, | 0.78 |
| Héluin, Dijon, | 1.20 |
| B. Vladimirov, Moskvo, | 0.64 |
| Anonimulo, Aŭgsburg, | 2.00 |
| Requin, Grenoble, | 1.00 |
| Grineva, Staroĉerkask, | 4.00 |
| Günther, Chelm, | 13.90 |
| Sumo : | 176.28 |

ŜANĜOJ.

*Bellegarde.* — La Subdel. estas nun : S-ro Th. Renard, Ĥemiisto, Arlod.

*Limoges.* — La Delegito loĝas nun : S-ro Louis Lamant, 7, Faubourg du Pont-Neuf. — *Luhaĉovice* : La Delegito estas nun : S-ro Joza Mareŝ, instruisto Vila « Esperanto ». — *Milano* : La adreso de la Del. estas nun : S-ro Luciano Cattorini, Via Paolo Sarpi 60. — *Mittweida :* La Del. estas nun : S-ro Richard Schinkel, Leisingerstr 59. — *Rostock :* La Delegito estas nun : F. A. Bernhoft Friedrich Franzstr 35. — *Sheffield :* La adreso de la Del. estas nun : S-ro Maurice Pearson, 60. Sandford Grove Rd. — *Smichov* apud Praha : La Subdelegito estas nun : S-ro Jos. Podlipsky, drogisto, Plzenska tr.

**Novaj Delegitoj.**

*Auckland* (Aŭstralio, Nov.-Zelando). — S-ro S. S. Russel, Grande Road.

*Augsburg* (Bavarujo). — S-ro Y. Lingenhoel, Riedimgerhaus (Vicdel.).

*Baltimore* (Usono, Maryland). — S-ro Paul Hoffman, 709, Park Ave.

*Beverloo* (Belgujo, Limbourg). — S-ro Majoro Cuvelier,

*Gœttingen* (Germanujo, Hannover). — S-ro Erwin Heydweiller, Bunsentr. 12 pt.

*Greenwich* (Anglujo). — S-ro Joseph O. Costello, 106, Colomb Street.

*Herdingen* (Germanujo). — S-ro Jos. Cahn, Oberstrasse 20.

*Kassel* (Germanujo). — S-ro Carl Buschardt, Kornestr. 6 I (Vicdel.).

*Kilwinning* (Skotlando). — S-ro Robert Stevenson, The Stobbs.

*Lozovaja* (Rusujo, Ekaterinoslav). — S-ro S. A. Arakelov « Bieno Espirido » Imenie Vadejdino.

*Lyss* (Svisujo). S-ro Ernst Scheurer.

*Marvejols* (Francujo, Lozère). — S-ro Felix Cazeneuve.

*Montelimar* (Francujo). — S-ro Antonin Paillet, soldato, 52e régim. d'infant.

*Pamplona* (Hispanujo). — S-ro Jeronim Aldaz.

*Pantin* (Francujo, Seine). — S-ro Pierre Gaborry, 189, rue de Paris (Subdel.).

*Pardubice* (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro D-ro Joseph Fousek.

*Poole* (Anglujo, Dorset). — S-ro F. Etchells, Maple Road, Heckford Park.

*Radvanice* (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Frant. Dvornik.

*Sanghai* (Ĥinujo). — S-ro K. Ĉ. Ŝan, 50. Tsze Ya Dieu St-Chinese Bund.

*Vevey* (Svisujo,) — S-ro Charles Balsiger Charmontet-sur-Vevey.

*Vinkovci* (Aŭstrio, Kroatio). — S-ro D-ro Paŭlo Staniŝiĉ.

*Warnemünde* (Germanujo). — S-ro Scheel, Aleksandrinenstr., 6.

**La kotizaĵo al U. E. A. estas 50 Sd. kun senpaga Jarlibro. Pagu ĝin plej baldaŭ.**

# Esperantiaj Informoj

**Ĉe la Centra Oficejo :**

**Lastatempaj faritaĵoj**

Forsendo de la dokumentoj por 1911 al ĉiuj Delegitoj. — Sendo de cirkulero-leteroj pri Esperantiaj Entreprenoj, Jarlibro, ktp. — Preparo de la nova Jarlibro. — Elekto de Distriktaj Delegitoj kaj sendo de dokumentoj. — Bilancigo de la kontoj.

Movado de la korespondaĵoj (ricevitaj kaj forsenditaj). Julio 3005, Aŭgusto 1650, septembro 3753 (maksimumo atingita).

⁂

**Cherbourg** (Franc.). — Laŭ informo de nia Del., Esperanta kurso tute en Esp. estis komencita de germana samideano, Fino M. Gehre. el Dresdeno.

**Lausanne** (Svis). — Bona artikolo pri U. E. A. kaj ĝia kongreso, verkita de Sro de Lerber aperis en la « Feuille d'Avis de Lausanne. »

**London.** — « East London Advertiser » aperigis longan artikolon de Sro Kearney pri Esperanto kaj U. E. A.

Ni atentigas pri la letero de firmo Cook et Co Esp-ia Entrepreno, publikigata en tiu no pri Vintraj sportoj por Esperantistoj.

**Nancy** (Or. Franc.) — Sekvante la ekzemplon de Grenoble, Dijon kaj Innsbrück, Nancy jus eldonis universitatan gvidfolio. Ĝin imitu aliaj !

**Nederlando.** — Nia Distr. Del., Sro Vermaas jus eldonigis belan broŝuron pri U. E. A. en holanda lingvo, kiun ni varme rekomendas al ĉiuj niaj nederlandaj membroj. (16 paĝoj Prezo : floreno 0,15, Sro P. J. Vermaas, Schermlaan 42a, Rotterdam).

**Paris.** — Dr O. Jennings, ano de la « Royal Society of Medicine » de London, unu el la plej famaj specialistoj la mondo, estas nun en Paris pur la tradukado kaj la proksima eldono de la 4a ĉapitro de sia libro pri : Morfinismo kaj morfinomanio. Tiu grava laboro, verkita en angla kaj jam tradukita en franca lingvo, havos do baldaŭ specialan eldonon en Esperanto. Sro E. Archdeacon, vicprez. de la Grupo Esp. de Paris, skribis por ĝi interesan antaŭparolon. Baldaŭ, tuj post la apero de tiu broŝuro, ni reparolas pri tiu interesa iniciato, kiu, certe havas imitontojn en la scienca mondo. Ni aldonu ke S-o O. Jennings, kiu proponas lerni tute Esperanton, estas jam aprobanta membro de U. E. A.

La konata eldonejo Hachette aliĝis kiel. Esperantia Entrepreno.

**Warnemunde.** (Norda German). — En tiu fama banurbo la administracio ne volis eldoni gvidfolion. Ni petegas ĉiujn Esp-ianojn tuj skribi il. p. k. al Badeverwaltung Warnemunde, Ostsee, Germanujo petante en Esperanto prospekton.

# Esperantia Parolejo

### Alvoko al la Veturontaj Italujon dum 1911

Sekve de la alvoko publikigitan en antaŭlasta numero de *Esperanto*, multaj samideanoj informis min pri sia intenco veturi Italujon dum la Kongresoj kaj ekspozicioj de 1911. Mi petas denove ĉiujn kiuj intencas viziti Italujon la venontan jaron, sendi al mi poŝtkarton kun sia adreso kaj, se eble kun la monato en kiu ili intencas vojaĝi aŭ la unuan de la Kongreso kiun ili deziras ĉeesti.

Kiam mi havos *longan liston* de Esperantistoj kiuj intencas veni en la duoninsulon, mi petos de la komitatoj de la dua Ekpozicioj (de Romo kaj de Torino) la starigon de Esperanto-Oficejo, informejo kaj rendevuejo en la interno de la du ekspozicioj.

Rapidu do, samideanoj sendi vian vizitkarton !

Mi avertas ke la estraro de la Esper. Itala Federacio nun studas la demandon pri la eldonado de gvidlibro de la ĉefaj italaj urboj vizitataj de la alilanduloj.

Mia alvoko rilatas la veturantoj Italujon dum la periodo de la Ekspozicioj, marto-novembro 1911.

Aĥilo Tellini,
*Delegito U. E. A., Bologna, strabo Vallescura, 11.*

### Esperantistoj ne dormas !

Irante de Ruslando Francujon trans Wien, mi forgesis tie keston kun gravaj por mi libroj kaj, alveninte Dijon'on min turnis al Ruson Imperiestra Konsulo, petante lin trovi mian perdaĵon. Ho, ve ! la patruja konsulejo en fremda por mi lando rifuzis la peton.

Tiam mi direktis min al del. de U. E. A. en tiu sama urbo, kaj, ho feliĉo, ricevis lian afablan respondon, sciigantan, ke li trovis mian librokeston kaj sendas ĝin vagonare Dijon'on. Se al tio ĉi mi almetas sciigon pri mia akcepto de samideanoj Dijon'aj kaj Auxonne'aj, do tio sufiĉas por montri al nekreduloj, ke esperantistoj ne dormas kaj paŝo-post-paŝo almilitas mondon.

A. Kowaloff.

### Internacia Esperanta Inĝeniera Asocio

Sekvante la ekzemplon de la kuracistoj, varieteaj artistoj k. c. la esperantistaj inĝenieroj de ĉiuj landoj ankaŭ devus unuiĝi. Miloj da inĝenieroj iras eksterlandon kaj por ili estus tre utila informiĝi ĉe la riprezentantoj aŭ konsuloj de la Asocio. Havante sufiĉe da membroj la I. E. I. A. povos eldoni sian ĵurnalon kun specialaj artikoloj en nia lingvo kaj oficprovizejo por la membroj.

La samprofesianoj (inĝ.-meĥanikistoj, inĝ.-elektristoj, ĥemiistoj, arĥitektoj, k. t. p.) kiu interesiĝas pri nia ideo bonvolu sendi al mi siajn adresojn, proponojn, k. c.

G. Ettinger, inĝeniero-elektristo,
Del. U. E. A., Bobrouisk (Okcidenta Rusujo).

### Respondo

Precipe en norda Dalmatujo la plimulto de la popolo ankoraŭ bedaŭrinde suferas je malklereco, tial povus facile okazi al iu Esperantisto tio, kion samideano S-ro Nanni priskribas en 86-a. Sed en suda Dalmatujo la samideanoj ne timu pro sia butontrua insigno, ĉar la klereco de la popolo kuniĝas tie kun ĝia natura afableco. Spertinte ĝin, mi tion diras.

Ĉiuokaze mi ripetas la rekomendon de S-ro Nanni : prefere estu portataj la steloj kun surskribo « Esperanto » aŭ U. E. A. (ne nur en Dalmatujo, sed en la tuta mondo).

R. Runĉiĉ, Trieste.

### Sportoj por Esperantistoj

Estimata Sinjoro,

Rilate al la anonco kiu aperis en via ĵurnalo pri Vintraj Sportoj en Svisujo por Esperantistoj, tre plaĉas al ni sciigi ke jam multaj personoj skribis al ni pri tio, kaj ni tre esperas ke la eksperimenton, havigi vintran rendevuon al la samideanoj, oni tre ŝatos.

Ni tre dankas al vi pro la intereso kiun vi montris pri la afero, kaj samtempe profitas la okazon diri ke ni nun estas tute pretaj rezervi ĉambrojn en la hoteloj por la partoprenontoj en la Vintraj Sportoj. Konsilinde estas ke oni tuj enskribigu sin ĉe iu el niaj oficejoj tra la mondo per la pago de Sm. 10. Tiun sumon ni redonos se la enskribito trovus ke li (aŭ ŝi) ne povos partopreni en la festo, sed estos necese sciigi pri la neiro almenaŭ unu monaton antaŭ la dato de la kunveno.

Thos Cook & Son.
(Esperantia Entrepreno).

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — Fino B. Talens Anglasell, filino de nia Del. en Alcoy. — Sro S. Markov, filo de Sro Pavel Markov, Del. en Harmanli.

**Edziĝo.** — Sro J. Moron, Del. en Nuits, kun Fino B. Million.

**Morto.** — Ni kun bedaŭro eksciis la morton de Sro A. H. Georges Blaise, Sekretario de la Esp. Grupo de Bruxelles, kaj frato de nia komitatano kaj Londona Vicdel., Sro P. Blaise. Ni sendas al nia samideano niajn sincerajn kondolencojn.

**Vojaĝoj.** — Sro Blackett, Del. en Bath, travojaĝis Svisujon. — Sro Privat loĝas denove 12, rue Soufflot, Paris.

# Al niaj Legantoj

Ni atentigas ĉiujn niajn legantojn, ke laŭ la petoj de sufiĉe multaj personoj, ni decidis malaltigi la tarifon de la reklamoj kaj anoncetoj. Ni alprenis la kutimon de la plej multaj ĵurnaloj difini la tarifon po linio. Vidu la prezojn de la nova tarifo sur la 4a paĝo.

Ni esperas, ke dank'al tiu plifaciligo ĉiam pli multaj personoj uzos la servojn de nia ĵurnalo — la plej disvastigata el ĉiuj Esperante redaktataj gazetoj — por diskonigi ĉiulanden siajn produktaĵojn, kaj ke niaj amikoj klopodos por plimultigi la nombron de la anoncoj, kiu estas esenca vivkondiĉo por nuntempa ĵurnalo.

ESPERANTO.

# VARIETEA MONDO

### Nia fonda festo kaj la festprezentado en Dresdeno

La somero pasis kaj kiel ĉiu dume ripozas pro la laboroj de l'tuta jaro ankaŭ V. E. L. ĉesigis la laborojn kaj prepariĝis por la vintra laboro. Do la 15 septembro alproksimiĝis la tago, en kiu oni fondis V. E. L. antaŭ unu jaro en Berlino kaj ĉi-tiun tagon oni ne povis preterlasi, sen festo. Kaj kiel oni povis pli bone kaj bele soleni ĉi-tiun naskiĝtagon ol arangante belegan festprezentadon ! En Dresdeno, kie nuntempe S-roj Karlo kaj Kamilo Schwarz restadas, okazis je ĉi-tiu tago Esp prezentado, kiu superis ĉiujn ĝisnunajn. Granda esperanta amaso ĉeestis, kies nombron la Dresdenanaj gesamideanoj taksis je 300-400. Sed krom ĝi aperis, allogitaj per grandaj anoncoj en la Dresdena gazetaro, anoncintaj la I-an Esperantan Prezentadon en « Viktoria Salon » tion da vizitantoj, ke ĉiuj lokoj estis okupitaj kaj ke la pli malfrue venintaj ne plu povis ricevi bileton kaj devis foriri.

La prezentado mem estis efektive granda sukceso, kaj kun ĝojo ni povas diri, ke plezurriĉa

# Tra la Esperanta Literaturo

**La question de la langue auxiliaire internationale,** par Gustave Gautherot. — Paris, Hachette et Cie (Sm. 1,40)

Grava estas tiu verko ; la Demando pri la internacia helpa lingvo, kiun antaŭnelonge publikigis Sro Gustave Gautherot, doktoro de literaturo, profesoro ĉe la katolika Universitato en Parizo.

La vic-admiralo Bayle, honora prezidanto de a Marista Esperantista Ligo kaj de Esperanto-Ruĝakruco, verkis tre interesan antaŭparolon, en kiu, rapide resuminte la 320-paĝan volumon, li ĝin laŭdas per tiuj aprobindaj vortoj :

« La libro de Sro G. estas lojala verko, eĉ sciencoplena ĉefverko ; plie, ĝi estas bona faro. La verkinto, vivante en medio iafoje malamika al Esperanto, ekstudis tiun lingvon en la celo ĝin kontraŭbatali, sed post konscienca esplorado farita per la severa metodo kiun li kutime uzas en siaj historiaj laboroj, li fine elpensis la plej kompletan el la libroj ĝis nun publikigitaj por la helpa lingvo de Do Zamenhof... Tiu verko, kiun ĝia aŭtoro entreprenis kun la intenco ruinigi, se estos eble, la Zamenhofan konstruon, estos unu el ĝiaj plej firmaj apogiloj ; sekve ni, konvinkitaj Esperantistoj, ŝuldas sinceran dankon al Sro G. »

La franclingvaj esperantistoj nepre devos havigi al si kaj tralegi tiun tre bonstilan kaj facillegeblan verkon. Ne por ili, sed por la samideanoj, kiuj malsufiĉe konas la francan lingvon, mi iom detale analizos ĝian enhavon.

En la ĉapitroj I-IV. Sro G. esploras la ĝeneralan demandon pri la neceso de internacia lingvo. Pro la rapidega progresado de la internaciaj rilatoj la homara historio nun atingis le *tutmondan* periodon. Nur per internacia lingvo tiuj rilatoj estas plene realigeblaj. Tial multaj filozofoj kaj scienculoj jam delonge proponis internaciigi ĉu antikvan, ĉu modernan, ĉu plimalpli artefaritan lingvon. Sed pro diversaj kaŭzoj, kiujn tre klare prezentas Sro G., nek la latina, nek la Franca, nek la tiom multaj projektoj de artaj lingvoj solvas la malfacilan problemon. Nur per la Zamenhofa lingvo la demando estas plene kaj definitive solvita tiom por la scienca kiom por la komuna uzado. Kiel diras la Idistoj : Neniam oni *devus forgesi, ke estas eltrovoj kiuj povas esti elpensitaj nur unufoje en siaj esencaj elementoj.*

En la kvar sekvantaj ĉapitroj S-ro G. elmontras la principojn de Esperanto (plej granda internacieco de l'radikoj kaj neŝanĝebleco de l'vortaj elementoj) kaj pruvas ĝian facillernebleco. En pluraj universalaj kongresoj Esperanto manifestis sian parolablecon, praktikecon kaj disvastiĝon. La Esperantista popolo jam posedas multajn gravajn instituciojn kaj ĉiujare plibone organiziĝas kaj potenciĝas.

Poste, en kvin ĉapitroj (IX-XIII), la aŭtoro tute prave opinias, ke la Esperantistoj devas plimulte konfidi en sia propra fervoro ol en la apogo de l'regnestraroj. Nur la privataj iniciatoj, klopodoj kaj penadoj fine venkos la kutiman indiferentecon de l'regnestraroj aŭ de oficialaj institucioj. Proporcie kun la kreskado de l'Esperantistaro, malkreskadas la malfervoro de l'regnestraroj kaj plimultiĝas, pligrandiĝas iliaj aproboj, permesoj, subvencioj kaj sankcioj. La komercistoj, scienculoj, literaturistoj, kiuj senpartie uzis Esperanton deklaras, ke ĝi mirinde taŭgas por komerco, scienco kaj literaturo. La Ruĝokruco kaj la Blinduloj ankaŭ ricevas per Esperanto grandan utilon kaj helpon.

En la antaŭ lasta (XIV) ĉapitro S-ro G. kontraŭbatalas la opinion de tiuj, kiuj malprave timas, ke Esperanto iam riuinigos la amon al la patrujo, kaj li aprobe citas tiujn parolojn de Unuel (Zamenhof) : « Celadon al lingvo internacia ne devas escepti eĉ la plej varmega blinda ŝovinismo ; ĉar la rilato inter celado al lingvo internacia kaj internacia ŝovinismo estas tia sama, kiel inter nacia patriotismo kaj amo al sia familio ; ĉu iu povas diri, ke la pligrandigo de reciprokaj komunikiĝoj kaj interkonsentoj inter homoj de tiu sama lando (celado *patriota*) minacas per io al la amo familia ? » (Vid. Fundam. Krestom, p. 275)

En la fina (XV) ĉapitro, la aŭtoro resumas la historion de la reformista agitado kaj, sin apogante sur diversaj verkoj de S-roj Kolowrat, Aymonier, eĉ Couturat, li konkludas, ke Esperanto estas tiel egale admirinda je la ligvoscienca kiel je la praktika vidpunkto ; li pravigas la sursignitajn literojn, la akuzativon, la tabelon de «simplaj » vortoj. « Ido nur difektis la gramatikad de D-ro Zamenhof ». « La reformistoj, senĉese reformante siajn reformojn, malgraŭvole revenas al Esperanto ». « El tio, ke Zamenhof fiksis la esencajn karakterojn de la lingvo, ne sekvas, ke ĝi ne estas senfine perfektigebla. Multego da Esperantaj verkoj pruvas, ke ĝi estas tia kaj ĝis mirinda grado. Ĝiaj kontinuaj progresoj similas tiujn de infano, kiu maturiĝas, tamen konservante sian sampersonecon. Se eble troviĝas en Esperanto kelkaj malbonaĵetoj, ili estos forigataj per la natura forto de evoluado, tute same kiel fortika arbo forĵetas mem la sekiĝintajn foliojn, vermboritajn branĉojn kaj parazitajn vegetaĵojn, kiuj malhelpas la iradon de sia viviga suko. (p. 312).

Konkludе mi diros, ke tiu verko, krom kelkaj negravaj eraretoj aŭ mankoj ŝajnas al mi bonege inspirita de saĝa kaj sincera amo al nia lingvo kaj bazita sur vasta legado kaj metoda utiligado kaj klasifiko de multaj ĉiuspecaj dokumentoj pri, por, eĉ kontraŭ Esperanto. Multaj samideanoj, ĝin tralegínte, meditinte aŭ diskutinte, pli bone konos la historion kaj la meritojn de nia lingvo. La neesperantistoj, eble eĉ kelkaj malamikoj de Esperanto, povos konvertiĝi, kiel la aŭtoro mem, kaj fariĝi plej fidelaj apostoloj de Esperanto. Tiel estu !

⁂

« Salome, Dramo en unu akto de Oskar Wilde, tradukis H. J. Bulthuis. — Amsterdam, C. L. G. Veldt, 1910. » (Prezo Sm. 0.30)

Tre agrable *elrigardas* tiu unua specimeno de la nova kolekto « Esperanta teatro internacia », kiun jus iniciatis nia malnova samideano S-ro Bulthuis, kiu tiel senbrue, modeste, sed fidele kaj persisteme laboradas por nia kara lingvo. Mi intencas rakonti la dramon, montri la karakterojn de la ĉefaj personoj, malkaŝi mian ĝeneralan impreson kaj adoni kelkajn rimarkojn pri la stilo de la traduko.

La loko de agado estas Nazareto, sur granda teraso en la palaco de Herodo, tetrarko de Judeo. Sur la fundo de la teraso estas malnova cisterno, en kiu estas katenita la profeto Johanano. « Estas vespero ; la luno lumas » Ekzekutisto staras post la cisterno kun glavo, kiun li tenas oblikve perambaŭ manoj (p. 4, 5). Soldatoj kaj unu juna oficiro, Narabot, interparolas kaj tiamaniere prezentas al ni la plej gravajn personojn de l'unuakta dramo : Herodo (la tetrarko), Herodias (la tetrarkino) kaj la bela Salome, filino de Herodias. Iam post iam oni aŭdas la voĉon de l'profeto, kiu per malprecizaj paroloj malbenas la geletrarkojn kaj antaŭ diras plej teruriĝajn okazontaĵojn.

En la palaco oni festenas. Salome eliras el la festenejo, alproksimiĝas la cisternon, en ĝin rigardas kaj, per karesaj promesoj, decidigas Narabot'on, de kiu ŝi estas amegata, ke li eligu la profeton, malgraŭ la malpermeso de Herodo.

La profeto aperas. Li estas juna, blankvizaĝa, nigraĥara, belega. Salome per plej pasiaj vortoj proklamas sian amon al Johanano, kies buŝon ŝi nepre volas kisi. « Mi ne volas vin rigardi, respondas la ĉasta, virga profeto. Vi estas malbenita, Salome. Vi estas malbenita ! » kaj li reiras suben en la cisternon. Dum tiu sceno, la juna oficiro, pro malespero, sin trapikis kaj falis inter Salome kaj Johanano.

Herodo alvenas sur la terason kun Herodias kaj la tuta kortega sekvantaro. Li ankaŭ enamiĝas Salomeon, sian bofilinon. Li deziras, eĉ ordonas, ke Salome dancu por li. Salome, por lin inciti, unue rifuzas. Tiam la tetrarko solene promesas, ĵuras, malgraŭ la reĝino, ke li donos al Salome, se ŝi konsentos danci por li, ĉion kion ŝi petos, eĉ la duonon de sia reĝolando. Post tiu ofte ripetita ĵuro Salome, fine dancinte la sepvual-dancon, falas senvuale al la piedoj de Herodo tute amebria.

« Salome. — Mi volas, ke oni alportu al mi sur arĝenta plado...»

« Herodo (ridante). — Sur arĝenta plado, certe, sur arĝenta plado. Ŝi estas ĉarma, ĉu ne? Kion do oni alportos al vi sur arĝento plado, kara kaj bela Salome, plej bela el ĉiuj knabinoj en Judeo, kion oni alportos al vi sur arĝenta plado ? Parolu, kio ajn ĝi estu (estas), oni alportos ĝin al vi miaj trezoroj apartenas al vi ; kio do ĝi estas, Salome ? »

« Salome (ekstarante). — La kapo de Johanano ! » (p. 32)

Herodias aprobas sian filinon. Sed Herodo, beldaŭrante sian ĵuron vane klopodas, ke Salome redonu al li sian vorton ; li proponas kompense multajn altvalorajn juvelojn : Salame konstante ripetas : Donu al mi la kapon de Johonano ! La ekzekutisto plenumas sian abomenan oficon kaj alportas « sur arĝenta plado » la kapon de l'profeto. Salome ĝin ekprenas kaj kisas la buŝon de Johanano. « Ha ! Johanano, ŝi diras, vi estis bela. Via korpo similis al ebura kolono sur piedestalo el arĝento, ĝi similis al ĝardeno plena je vinberoj kaj arĝentaj lilioj... Nenio en la tuta mondo estis kiel via korpo, nenio en la mondo estis tiel nigra kiel viaj haroj, kaj nenio sur tero estis tiel ruĝa kiel via buŝo. Via voĉo estis oferujo el kiu fluadis multekosta odoro, kaj se mi rigardis vin, eksonis en mi mirindaj sonoj. Ah ! kial vi ne rigardis min, Johanano ? k. t. p. » (p. 38)

Ĉiuj, krom Salome, foriras el la sangomakulita teraso. Radio de lunlumo falas sur Salome'on. Herodo, forironte, sin turnas kaj ordonas : « Oni mortigu tiun virinon ! » La soldatoj rapidas al Salome kaj ŝin dispremas per siaj ŝildoj.

Tia estas tia dramo, tre mallonga, sed riĉa de mortigoj kaj diverspecaj abomenaĵoj. La karakteroj... sed ĉu tiuj personoj ĝustadire havas karakterojn ? Ĉu ili ne estas nur mizeraj marionetoj, kiuj meĥanike ĉiam ripetas la samon ? Herodias simila al tiuj pupoj kiuj nur diras, Paĉjo ! Panjo ! ĉiumomente admonas la tetrarkon : Ne rigardu mian filinon ! — Herodo, supersuĉa, sennervigita, sencerbigita pro diboĉado, ĉie kaj ĉiam sentas trablovojn kaj flugilbatadojn, kaj kvar — kvinfoje laeige ripetadaĉas « mi sentas trablovon... mi estas gaja... sur arĝenta plado... »

Salome amas la profeton per stranga, malnatura amo. Ŝi pensigas al tiuj hombestaj vampiroj, kiuj meznokte elterigas kadavrojn por doni al iliaj senvarmaj putrantaj lipoj naŭzigajn ŝmacojn ! Sincere tiu dramo ŝajnas abomena al iomete delikata gusto.

Per la suprecititaj lokoj la leganto povis mem taksi la rimarkindajn ecojn de la traduko. Tamen mi permesos al mi diri, ke la tradukinto ne sufiĉe korektis sian manuskripton nek la presprovaĵojn. Mi deziras ke la unua eldono rapide elĉerpiĝu por ke li povu malaperigi tiujn nemultajn makuletojn.

VERTO.

*Pro eraro la subskribo de la tradukinto de nia lasta felietono* La Suferoj de la Juna Werther, *estis forgesita. La Esperantiginto estas S-ro P. Usinger, Del. de U. E. A., en Mainz.*

# Statistikaj Notoj

Je la 1-a de oktobro, la regionoj, kiuj posedas pli ol 50 Esperantianoj estas la jenaj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Moskvo, | 201 | Magdeburg, | 70 |
| Paris, | 174 | Sydney, | 70 |
| Augsburg, | 166 | Stuttgart, | 70 |
| Danzig, | 137 | Abbeville, | 63 |
| London, | 133 | Amsterdam, | 61 |
| Amiens, | 93 | Kostroma, | 58 |
| Bromberg, | 83 | Tiflis, | 57 |
| Berlin, | 79 | Kiev, | 56 |
| Genova, | 78 | München, | 53 |
| Dresden, | 78 | Lyon, | 52 |
| Praha, | 77 | Rostov, | 51 |
| Irkutsk, | 77 | Grenoble, | 51 |
| Firenze, | 76 | S'Gravenhage, | 50 |
| Sabadell, | 72 | | |

Niajn sincerajn gratulojn kaj dankojn al la Del., kiuj atingis tiun belan rezultaton. La nombro de tiuj urboj duobliĝu por 1911 !

